# INTERNACIA

JARO V. SOFIA — BULGARIO
MARTO — APRILO 1961, № 2



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA TUTMONDA GAZETARO KAJ LA HEROAĴO DE JURIJ ALEKSEEVIĈ GAGARIN

En la frua mateno de 12 de aprilo 1961 jaro ĉiuj radiostacioj kaj televidservoj en la tuta mondo ĉesis siajn dissendojn kaj transdonis la historie gravan anoncon de Radio Moskvo: En la Kosmo flugas homo — la unua kosmonaŭto estas majoro JURIJ ALEKSEEVIĈ GAGARIN de la Soveta militaviacio!

Senekzempla heroaĵo! Kompreneble, ĝi ne estis neatendita. La tuta mondo atendadis tiun momenton, la tuta mondo kompreNadis, ke ĝi estiĝos.

Paroladis Moskvo — la radiostacio estis dissendanta la anoncojn de TASS: „En la orbito ĉirkaŭ la terglobo, unuafoje en la mondo, estis ĉirkaŭfluganta kosmoŝipo „Vostok“ (Oriento), kiu portas en sia kajuto homon. . .“

Post du minutoj la nomo de la unua piloto-kosmonaŭto — Jurij Gagarin, estis en la buŝo de ĉiuj. Ne ekzistis alia evento, kiu povis altiri la atenton en tiuj horoj. La mondo travivadis nekonatan ĝis nun ĝojon. Ĉiuj popoloj tutkore kaj unuanime aklamis Sovet—Union kaj la venkiston de stela Universo. Realiĝis la fantazioj de la verkistoj-fantaziuloj dank' al la materialisma scienco. Realiĝis la revoj de la tuta homaro — la konkero de la Kosmo. La senekzempla heroaĵo de majoro Gagarin estas nur la unua paŝo al la venka marŝo de la homo en la Universo.

La tuthoma ĝojo etendiĝis sur la tutan planedon kaj enbrakigis ĉiujn homojn. Majoro Gagarin estiĝis simbolo de heroaĵo. Li estiĝis nova senmorta Kolumbus de nia nuntempo.

En la tuthomara historio ne ekzistas okazo, kiam unu homo, konata de malmultaj, nur en unu tago mem estiĝas konata de la tuta mondo. La radio, la televido kaj la gazetaro kontribuis al la popularigo de la glora heroaĵo de J. A. Gagarin.

Tiu evento unuigis ĉiujn informilojn en la tuta mondo, ĉar la venko de la soveta piloto estis tuthomara venko, festo de la homa genio. La tutmonda gazetaro kaj radio-dissendoj estis plenplenaj de detalaĵoj kaj informoj rilate la preparon kaj la efektivigon de la ekflugo en la Kosmon de la unua kosmonaŭto. Eĉ tiuj, kiuj neniam interesiĝis pri gazetoj, avide aĉetis ĉiun novaperintan eldonon de la ĉiutagaj gazetoj.

Kvankam iuj mizeraj provoj de „blindaj“ ĵurnalistoj taksi malalte la efektivigitan heroaĵon kaj konkeron de la soveta scienco, la tutmonda gazetaro estis unuanima per sia prijuĝo de tiu gravega evento.

Antaŭ mi, sur mia skribtablo, estas kelkaj fremdlandaj gazetoj de tiuj memorindaj tagoj.

Jen kelkaj pasaĝoj elokventaj:

**„News“—Detroit, Usono:**

„En la nomaron de plej gravaj eventoj de la homara historio estas ensribita nova nomo, nova dato, nova sukceso — Jurij Alekseeviĉ Gagarin, 12 de aprilo 1961 jaro, la unua homo reveninta el la Kosmo.

*MEMBROJ DE TEĴA! TUJ PAGU VIAN MEMBROKOTIZON!*
*SUBTENU VIAN FAKORGANIZON KAJ LA ORGANON*
*„INTERNACIA ĴURNALISTO“!*

Honeste dirite, la rusoj forte antaŭiris de ni, gajnante la kosman konkuradon. Elpafinte la unuan sateliton, ili penetris la spacojn, kie ĝis tiu tempo nek unu objekto, farita de homa mano, estis penetrinta. Tion postsekvis nova volo de homo"...

**„New—York Times" — Usono:**

„La nova akiraĵo de sovetaj scienculoj disponas al la Sovet—Unio novajn suprojn en la tutmonda prestiĝo".

**„Parisien libéré" — Parizo, Francujo:**

„La emocio, sentanta de tri miliarda loĝantaro de la terglobo, atingas sian zeniton hodiaŭ, kiam ni pritaksas, ke niaj praavoj, kiuj antaŭis nin en tiu-ĉi mondo, ne havis la eblecon kaj la privilegion vidi kaj travivi tiun eventon, kiun ni nun estas travivantaj".

**„Figaro" — Parizo, Francujo.**

„Historia dato, kiu gajnis por Sovet—Unio la admiron de la tuta mondo!"

Eĉ ĵurnalistoj kiel Serĵ Grusar kaj Rober Dui, kiuj ne povas esti nomataj „amikoj de Sovet—Unio", skribis pozitive kaj admire tiurelate.

Jen la konfeso de R. Doui: „Mi devas kompari tiun eventon kun la malkovro de la fajron. Ĝi konkeras la imago de la postrestintaj..."

Mi finu tiujn citojn per „Le populaire" (Francujo): „... Sovet—Unio rajtas fieriĝi per siaj scienculoj, teknikistoj kaj per la kuraĝo de la piloto Gagarin, kiu montris al la homoj, ke ilia centjara revo jam estas realeco"!...

Plejparte de la informoj kaj de la artikoloj, publikigitaj en la tutmonda gazetaro konekse kun tiu gravega evento, posedas simlan tonon kaj karakteron sendepende de iliaj politikaj kaj ideologiaj pozicioj.

La senekzempla kaj senmorta heroaĵo de soveta piloto Gagarin apartenas al la tuta homaro kaj ĉiuj saĝaj kaj progresemaj homoj fieriĝas per tiu granda venko de la homa genio.

D. Ĥ.

---

# SEMINARIO „ORIENTO — OKCIDENTO"

En la kadroj de la Universala esperanto-kongreso kaj sub la aŭspicio de la Universala Esperanto-Asocio kaj de la Londona Esperanto-Klubo ĉi jare en Londono okazos seminario „Oriento—Okcidento". La programo de la Seminario estas jena:

**Merkredo, 2. aŭgusto**

09.30 h. — Malfermo de la Seminario
10.00 h. — Prelego „La aktuala laboro de UNESKO en la realiĝo de la granda projekto „La Reciproka aprezado de Orientaj kaj Okcidentaj kulturaj valoroj" — de prof. d-ro I. Lapena
11.15 h. — Prelego „Eŭropo rigardas Japanujon" — de lic. T. Sekelj.
14.00 h. — Prelego — „Impresoj de Libano, Etiopio kaj aliaj landoj de Proksima oriento" — de d-ro P. Neergaard.
15.15 h. — Libera diskuto: „Problemoj en la uzado de Esperanto de orientaj popoloj kaj ĝia apliko al la reciproka aprezado de kulturaj valoroj".
17.00 h. — Bendoj de Azia muziko kun klarigoj.

**Ĵaŭdo, 3. aŭgusto**

09.30 h. — Prelego „La influo de la Okcidento sur la pensmaniero de japanoj" — de prof. d-ro H. Yagi.
10.15 h. — Prelego „La kulturo de Hindujo" — de de T. Sekelj.
12.00 h. — Filmprezentoj kun esperantaj komentarioj.
13.15 h. — Kuna ekiro al lunĉo en hinda restoracio.
15.00 h. — Prelego „Kultura renaskiĝo en Ĉinujo"— de N. Barnes.
16.30 h. — Prelego „La influo de Okcidenta kulturo en la Proksima Oriento"— de d-ro P. Neergaard.
18.00 h. — Fermiĝo por libera vespermanĝo antaŭ partopreno en la antaŭkongresa balo.

**Vendredo, 4. aŭgusto**

09.30 h. — Renkontiĝo ĉe la akceptejo de la antaŭkongreso en Royal Hotel por kuna vizito de la Brita Muzeo (Orientaj sekcioj).
12.30 h. — Lunĉo laŭvola.
14.00 h. — Prelego „La prahistorio de Afriko" — de T. Sekelj.
15.15 h. — Libera diskuto je temo „La rolo de esperanta tradukita kaj originala literaturo en la interŝanĝo de kulturaj valoroj".
16.30 h. — Fermo de la Seminario.

**Lastmomenta aldonaĵo:** La Seminario inkluzivos ankaŭ prelegon de d-ro R. Makade (japano) pri decidota temo.

Konsiderante la gravecon de la Seminario „Oksidento—Oriento" kaj la diskutotajn problemojn de ĝia programo estus bone, se la ĵurnalistoj-esperantistoj pli multnombre partoprenos en la diskutoj. Ja estas konate, ke la plej aktivaj kontribuantoj por la realiĝo de la granda projekto de UNESKO „La Reciproka aprezado de Orientaj kaj Okcidentaj kulturaj valoroj estas antaŭ ĉio la ĵurnalistoj. Tion bone montris la reprezen-

anto de Tutmonda Esperantista ĵurnalista Asocio en la diskutoj pri tiuj problemoj. okazintaj dum la Universala E.—Kongreso en Varsovio antaŭ du jaroj. Por la ĉijara Seminario nia Asocio malfruiĝis sin anonci, sed por la kongreso en Danlando 1962 ni nepre devas peti la programigon en la okazonta Seminario de raporto de nia TEĴA — ano pri temo „La rolo de la ĵurnalistoj en la reciproka aprezado de Orientaj kaj Okcidentaj kulturaj valoroj". Necesa estas ankaŭ pli multnombra partopreno de la ĉi jara Unuversala E.—Kongreso en Harogate, Anglio, kie okazos la jara fakkunveno de TEĴA kaj elektoj de nova Estraro de nia Asocio.

---

## TRA LA GAZETARO

### FLORBEDOJ DE AMIKECO

Sub la supra titolo en „Belga Esperantisto" estas aperigita sciigo, (prenita el „UNESKO—Features" kaj UEA—Informservo la jena.

„Frue en 1960 pluraj homoj el la urbo Saratov en Sovet—Unio vizitis la urbon Bristol en Anglio kaj interŝanĝis florsemojn kun siaj invitantoj.

Rezulte, sur la bordoj de la Volgo en Saratov floris belega bedo, en kiu 180,000 floroj formis la vortojn „Paco kaj Amikeco". Troviĝas en Bristol simila florbedo, kreskinta el la semoj donacitaj de la rusaj vizitantoj."

Jen bonega ekzemplo. Ja estas pli bone, ke la popoloj interŝanĝu florsemojn kaj preparu florbedojn kun la vortoj „Paco kaj Amikeco", ol interŝanĝu armkuglojn kaj atombombojn. Por tiu celo laboras ankaŭ la esperantistoj.

### INTERPRETI KAJ TRADUKI

Germana Esperanto — Revuo n-ro 4, sub la supra titolo skribas:

„Komence de marto 1961 okazis en Kolonjo labor — kongreso de la interpretistoj kaj tradukistoj el la Federacia Respubliko.

Sur la tagordo troviĝis ankaŭ seriozaj paroladoj pri la manko de sufiĉe da laborfortoj sur tiu ĉi kampo. Nur kiu konas la koncernan pezan kaj nervoraban laboron komprenos, kial mankas tiom da bonaj interpretistoj... En prelego „Lingvoteorio kaj tradukpraktiko" oni atentigis pri aro da gravaj tradukeraroj, pro kiuj lastatempe, ekz. en Anglio, diversaj firmoj devis fari multekostajn procesojn.

Unu el la plej grandaj katastrofoj de la uson-japana milito, la neniigo de Hiroŝimo, estis, kiel raportis. W. J. Coughlin en „Harpers Magazine", la sekvo de traduk-eraro: Je militfino Japanio laŭdire estis inklina al pactraktadoj. Kiam konatiĝis kun la ultimato de la aliancanoj en Japanio, la japana ĉefministro Suzuki en sia opini-esprimo uzis la vorton „mokusatsu", kiu havas, laŭdire, du signifojn: „ignori" kaj „ne komentarii". Suzuki opiniis, ke la japana registaro unue akceptis la ultimaton senkomentarie. Sed la tradukistoj decidis uzi „ignori", kaj tio signifas: malakcepti la metitan limtempon.

Alia raporto rakontas, kial ni post la dua mondmilito ricevis maizon anstataŭ tritiko. Tritiko en angla lingvo estas: „corn". Kaj tion la germanoj mendis. Sed la britoj transdonis la mendon al la usonanoj, kaj ĉe ili „corn" estas „maizo".

La tradukistoj iom pridubas la verecon de ĉi tiuj rakontoj. Sed ĉu tiaj aferoj kun multaj konsekvencoj ne povus okazi" — konkludas la aŭtoro de tiu anonco s-ro M. R.

Kompreneble, tiaj aferoj povas okazi kaj okazas ofte en la traduklaboro. Sed pri la eraro kun la atombombo, ĵetita sur Hiroŝima, ni ne kredas. Tia krimego ne povus okazi rezulte de eraro.

---

### La Sindikato de la francaj ĵurnalistoj kaj verkistoj pri Esperanto

Parizo. La „Revue Indépendante" — sindikata organo de la francaj ĵurnalistoj kaj verkistoj — publikigas recenzon pri la verko „Esperanto — Ariana fadeno de la koro kaj de la spirito" de s-ro Pierre Delaire. La recenzanto, la poeto Berthe Foury—Schtouman skribas interalie:

„Okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de d-ro Zamenhof ni menciis la promesojn, kiuj Esperanto prezentas al la mondo. Aliaj voĉoj, pli aŭtoritataj ol la nia, menciis ilin antaŭ ni kaj ni komprenas ilin tiel, kiel estas prudente kompreni per sia koro ĉiujn voĉojn, kiuj parolas pri amo kaj paco."

„La preskaŭ nekonataj pioniroj de tiu tre grava universala movado hodiaŭ estas eminentaj kaj fervoraj disĉiploj. Ĉu oni povus diri, ke nun Esperanto okupas la lokon, kiun Zamenhof difinis al ĝi por la estonto? Ni ne povas ĝin konfirmi, sed tio, kio estas certa kaj nerefutebla, tio estas, ke la torĉo, bruligita de Zamenhof, hodiaŭ lumas en la nokto, en kiu la homaro daŭrigas sian lukton."

„La esperantisto batalas kontraŭ la milito, kontraŭ ĉiuj perfortoj, kontraŭ la ignoro, kontraŭ la rasismo, kontraŭ ĉio, kio senvalorigas la homon. Ni admiras liajn batalojn kaj sukcesojn kaj ni legas kun intereso la klaran, la vervan kaj la kaptantan verkon de Pierre Delaire".

## DOMO DE ĴURNALISTA AMIKECO KAJ SOLIDARECO

La granda internacia ripozdomo de la ĵurnalistoj sur la bulgara marbordo estas konstruita nur por dek monatoj de la bulgaraj ĵurnalistoj kun la helpo de kelkaj aliaj naciaj ĵurnalistaj unuiĝoj. Por du malplenaj sezonoj, parto de 1959 kaj dum 1960 en ĝi



*La ripozdomo da la Ĵurnalistoj*



*„La Ora Strando" — eu kies proksimeco troviĝas la ĵurnalista domo*

somerumis aŭ gastis 2,424 ĵurnalistoj el 30 landoj. Tial, Bulgario fariĝis la plej vizitata de ĵurnalistoj lando.

Domo de amikeco kaj solidareco—tiel diris pri ĝi germana ĵurnalistino. Oni estas ravitaj de ĝia bulgara nacia arkitekturo miksita kun modernaj nuntempaj arkitekturelementoj. Sed la veran signifon de la domo oni povas eksenti nur en la atmosfero de ripozado. Unuanime oni konvinkiĝis, ke la domo estas ne nur agrabla loko por ripozado, sed ke ĝi estas kultura centro de internacia skalo, helpanta la reciprokan interkonatiĝon de la ĵurnalistoj el la tuta mondo, la amikiĝon en la nomo de la paco kaj interĵurnalista solidareco.

La ĉi jara ripozsezono komencas la kvinan de majo. Por la unua ripozŝanĝo ĉiuj lokol jam estas rezervitaj. La granda intereso pri tiu ripozejo estas intereso ankaŭ pri la nova, renovigita kaj ekonimie prosperanta Bulgario, pri ĝiaj beleco, historiaj kaj geografiaj vidindaĵoj.

La anoncintaj sin ripozi en la domo estas tiom multaj, ke eĉ ne sufiĉas loko por akcepti ĉiujn dezirantojn. De tiu fakto devenas la ideo por la konstruo de nova, pli granda—14—etaĝa hotelo en proksimeco de la nuna konstruaĵo. Pli poste oni konstruos ankaŭ apartan konferencejon kun modernaj arkitekturformoj. Ĝi estos utiligata ankaŭ por kinejo kaj koncersalono. En la plilarĝigo estas antaŭviditaj ankaŭ kovrita naĝbaseno, biblioteko-legejo, kabineto por kultura laboro, fotolaboratorio kaj aŭtogaraĝo.

La internacia ĵurnalista ripozejo situas ĉe la belega bordo de Nigra maro, proksime de la famiĝinta sin marsomerumejo „La ora strando" en kondiĉoj de miraklaj sablo, sunradioj flor-kaj fruktĝardenoj kaj modera klimato, apud multaj belegaj ripozejoj kaj hoteloj, restoracioj kaj amuzejoj.

---

# Anoncetoj

### Internacia foto-ekspozicio en Moskva

Dum la aŭtuno ĉi jare en Moskva, USSR, okazos internacia foto-ekspozicio, en kiu povas partopreni sovetaj kaj eksterlandaj fotoreportistoj kaj amatoroj. Por la plej belaj fotobildoj kaj kolorfotografaĵoj oni donos premiojn—po unu oran, po du arĝentajn medalojn, krom tio—40 honoratestilojn. La plej bonaj fotoj je temoj „Interpopola amikeco", „Junularo de paco" kaj „La nuntempa virino" estos speciale premiitaj.

### Nova presagentejo en USSR

La Unuiĝo de la ĵurnalistoj, la Unuiĝo de la verkistoj, la Ligo de la societoj por amikeco kun la eksterlandoj kaj la Tutunia societo por disvastigo de politikaj kaj sciencaj scioj decidis fondi en USSR novan socian presagentejon. La reprezentantoj de la supremenciitaj organizaĵoj prikonsideris la plilarĝigon de la informfontoj kiel gravan rimedon por la plifortigo de la kompreniĝo kaj amikeco inter la popoloj. Tial en speciala kunsido, ili decidis organizi la novan agentejon. Ĝi, kune kun TASS, estos memstara informa organo de la amasaj sociaj organizaĵoj en USSR.

La nova agentejo estis nomita „Novosti" (Novaĵoj") kaj eldonos informajn materialojn en fremdlandaj lingvoj per specialaj bultenoj.

### PAROLADO
### pri la ĵurnalista laboro

Dum la Kvina kunveno de Esperantistaj grupestroj de Itala Esperanto - Federacio, okazinta en aprilo j. k. en la itala urbo Milano, paroladis ankaŭ la Sekretario de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio prof d-ro Dino Fabris. En la raport-cirkulero de I. E. F. ni legas:

„Prof. Fabris, estro de la Asocio de esperantistoj-ĵurnalistoj, informas pri la situacio de la Esperanta gazetaro kaj pri la granda utilo, kiu devenus por la rapida disvastigo de la novaĵoj, se estus grandskale uzata komuna internacia lingvo. Tiu lingvo forigos oftajn, ankaŭ inter kulturitaj personoj, malhelpojn kaj miskomprenojn, kiel jam daŭre okazas ĉe internaciaj ĵurnalistaj kongresoj."

---

**Korekto:** En la N-ro 1 de „I, Ĵ." estas preterlasitaj gravaj preseraroj. En la rubrikoj: Nia enketo kaj Respoude al nia Enketo la unuaj literoj de la vortoj enketo estas erare kompostitaj kun litero **a**.

# REVIVIGO DE MORTINTO

## Unika okazo en la medicina praktiko

### Rakonto de la savinto mem

*En la bulgara kaj eksterlanda gazetaro lastatempe oni ofte informas pri tre grava medicinista okazo, kiu certe estos interesa por niaj TEJA-anoj. Tial ni aperigas tiun ĉi artikolon de la medicinisto, kiu revivigis mortan homon.*

La 24-an de marto kuranta jaro en la hospitalo de la Instituto por kvalifiko kaj perfektigo de medicinistoj en Sofio okazis akcidento. Dum laboro por purigado de la medicinista ilaro en elektra kaserlo la elektra intensio je 380 voltoj trafis la medicinistan flegistinon Penka Najdenova kaj ŝi tuj falis morta klinike, t. e, ĉe ŝi tuj ĉesiĝis la spirado kaj la laboro de la koro. La tuj venintaj kuracistoj aplikis al ŝi artefaritan spiradon, sed senrezulte. Kuracisto, specialisto pri kormalsanoj, injektis ŝin ankaŭ per speciala injekto sed denove rezultoj ne venis. Evidentiĝis la bezono de ĥirurgia helpo,

Kiam mi alvenis la akcidentlokon, estis pasintaj jam 15 minutoj post la akcidento (post la morto de la flegistino). Mi tuj ordonis artefaritan spiradon per kaŭĉuka tubeto en la traheo. Krom tio mi tuj komencis ĥirurgian operacion sur la loko de la akcidento mem, t. e. sur la planko en la ĉambro, kie la flegistino estis trafita de la elektra intensio. Mi tranĉis per tranĉilo la bruston kaj malkovris la koron. Pere de masaĝado de la koro per mano kaj ankaŭ per elektra defibrigado la kora funkciado de la flegistino komenciĝis. Tion mi atingis post proksimume unu horo kaj duono delikata laboro. Post tio la operacio daŭris jam en normalaj klinikaj cirkonstancoj.

Similan okazon de ĥirurga interveno ĉe neklinikaj kondiĉoj kaj post tiomlonga tempo de la alveno de klinika morto, ne estas priskribita en la konata en nia lando medicinista literaturo. Pro tio la kuracistoj en la Supera Medicina Instituto en Sofio tre atentas tiun okazon. Dum la unuaj 2—3 tagoj, konsiderante la akran ŝanceliĝon de la sangpremo — inter 40 kaj 90 mm hidrarga fosto kaj pulsa ofteco inter 150—160 batoj en minuto, ni direktis nian atenton ekskluzive por akiri normalan koran agado de la revivigita flegistino. Dank al niaj zorgoj ni sukcesis certigi la necesan enfluon de sango por efika nutrado de la ĉelaro de la cerba krusto. Tielmaniere oni certiĝis iom post iom ekago de la funkcioj de la supera nerva sistemo de la malsanulino.

En tiuj tagoj de batalo inter la vivo kaj la morto la kuracado estis tre peza. La malsanulino estis en senkonscio, ŝi malkvietis, ne akceptis nutraĵon. Ŝia stato estis stato de plena senago de la cerba krusto. Post plibonigo de ŝia sanstato la malsanulino kvietiĝis. En la tria tago, kiam ni alvokis ŝin laŭ nomo, ŝi malrapide malfermadis okulojn kaj movadis la lipojn, eligis sonojn, sed ne povis prononci tutajn vortojn. Ankaŭ en la tria tago, kiam oni enigis muskulan injekton ŝi reagis per mansvingo kaj mallaŭte, sed klare diris: „doloras". En la sekvantaj kelkaj tagoj la malsanulino jam respondadis en rusa lingvo: — „Ja sebja ĉuvstvujo haraŝo, a vi kak poĵivaete?" (Mi sentas min bone, kaj kiel vi fartas"). La malsanulino estas lerninta rusan lingvon en la lernejo kaj en kurso en la Komunista Junulara Asocio. Tio estis mallongaj respondoj, post kiuj ŝi denove enfalis en apation kun fiksita kaj sencela rigardo. Ankoraŭ post kelkaj tagoj ŝi restarigis ankaŭ la bulgaran elparolon. Ŝi povis respondi, kie ŝi loĝas, kie ŝi estas naskita, diris sian nomon ktp. Al ŝi revenis ankaŭ la gustumkapabloj kaj ŝi komencis akcepti nutraĵon. La kuracado de la operacia loko pasis ankaŭ sen komplikaĵoj. Do la vivo de la malsanulino ne estas en danĝero.

Jam pasis preskaŭ unu monato kaĵ duono depost la akcidento. La malsanulino jam nutras sin memstare, ellitiĝas kaj promenas en la ĉambro, eĉ en la hospitala ĝardeno. Ŝi libere respondas al demandoj, rekonas siajn gepatrojn, geparencojn kaj geamikojn, esprimas emociajn sentojn. Ŝi rememorigas momentojn el sia ofica kaj socia agado ktp.

Tamen la malsanulino ankoraŭ ne povas entute reakiri siajn perokulajn prezentojn pri ĉirkaŭaj medio kaj objektoj. Ŝi ne rememoras kio okazis kun ŝi, ŝi ne rekonas la literojn, tamen ne povante legi, ŝi povas skribi.

La konstatoj de la diversaj katedroj de la Supera Medicina Instituto estas entute espereblaj rilate la estonta sanstato de la malsanulino. Dank' al la sekvontaj zorgoj kaj flegoj ŝi povos entute restarigi sian normalan loborkapablon.

La okazo kun la medicinista flegistino Penka Najdenova malkovras vastajn perspektivojn antaŭ la medicinistoj en nia socialisma lando. Okaze de akcidentoj de plej diversaj karakteroj — dronigo, sufoko, frapo de elektra kurento kaj aliaj, se siatempe oni donus kompetentan medicinistan helpon, oni povos savi la vivon de la akcidentitoj kaj ili povos denove reveni al utila por la socio laboro.

Sofia, 7. V. 1961.

D-ro AR. DERIĜIJAN
Supera asistanto ĉe la Ĥirurgia kliniko ĉe Instituto por kvalifiko kaj perfektigo de medicinistoj en Sofia, Bulgario

---

*ĴURNALISTA VIVO*

## INTERNACIA JURNALISTA SEMINARIO EN HINDIO

La 19—21-an de novembro 1960 jaro en Bombay okazis tritaga seminario pri ĵurnalistaj problemoj. Ĉin organizis la Federacio de la laborulaj jurnalistoj en Hindio. Oni pridiskutis la problemojn de la ĵurnalismo en la ekonomie postrestintaj landoj, ĵus ricevintaj politikan sendependon.

La seminarion partoprenis s-ro D-ro B. V. Keskar, ministro de la informado kaj la radio en Hindio. La ministro esprimis sian konvinkon, ke la gazetaro devas esti libera kaj sendependa por kritiki kuraĝe la sociajn defektojn.

Rimarkinde estas, ke en la seminario kunsidis kune, post dekdu jaroj, reprezentantoj de la du mondaj ĵurnalistaj asocioj — La Internacia Organizaĵo de la ĵurnalistoj kaj la Internacia Federacio de la ĵurnalistoj. La unuan organizaĵon reprezentis s-ro Jean-Maurice Hermann, prezidanto de la organizaĵoi, la duan organizaĵon reprezentis s-ro Bernard Béguin, redaktoro de gazeto „Journal de Genève". La du reprezentantoj ĉeestis ĉiuj ses kunvenoj de la seminario. Ili havis proksimajn starpunktojn pri multe da problemoj kun komunaj interesoj por la ambaŭ organizaĵoj. Ili ankaŭ konsentis, ke estas dezirinda kontakto inter tiuj du mondaj ĵurnalistaj organizaĵoj.

Partoprenis la seminarion ankaŭ reprezentantoj de la ĵurnalistaj organizajoj en Francio, Svislando, GDR, Usono, Cejlono, Jugoslavio, Sovet-Unio. Oni pridiskutis jenajn problemojn: „La rolo de la gazetaro por la demokratio", „Premoj deekstere sur la gazetaro", „Profesia etiko kaj diskreteco ĵurnalista", „Gazetoj, eldonataj sur la bazo de la kooperado", „La problemoj de la gazetaro en la ekonomie postrestintaj landoj", „La rolo de la ĵurnalistoj en la movado por interkompreno kaj pacaj rilatoj inter la popoloj".

La pridiskutoj pasis tre fruktodone. La partoprenantoj en la seminario unuanime esprimis bedaŭron pro la portanta malutilo fare de la deekstera premo sur la gazetaro. Tiu premo faras ne ebla aŭ tre malfaciligas la informadon en la gazetaro. Unuanima estis ankaŭ la opinio, ke la pli granda parto de la gazetaraj problemoj en la ekonomie postretstintaj landoj oni povas solvi, se en tiuj landoj aperas pli da distriktaj aŭ urbaj gazetoj, eldonataj sur la principo de la kooperado.

P. K. Ravindranath,
Hindio

## DEKLARACIO

*La Plenuma Komitato de la Federacio de la laborulaj ĵurnalistoj en Hindio en sia kunsido, okazinta la 22-an de novembro 1960 jaro en urbo Bombay, akceptis Deklaracion, el kiu ni citas la jenon:*

*„La Federacio aliĝas al neniu el la du mondaj organizaĵoj de la ĵurnalistoj, sed ĝi subtenas proksimajn kaj amikajn rilatojn kun ambaŭ. La Federacio esprimas starpunkton, ke la profesiaj ĵurnalistoj el la tuta mondo devas unuiĝi en unu organizaĵon, kiu zorgu por la ricevado kaj disvastigo de ĵustaj informoj. La Federacio de la laborulaj ĵurnalistoj en Hindio firme kredas, ke estas eble la ambaŭ organizaĵoj interkonsenti apenaŭ pri apartaj demandoj, rilatantaj la profesiajn ĵurnalistajn problemojn.*

*La Federacio de la laborulaj ĵurnalistoj en Hindio sincere penos ankaŭ estonte, kiel ĝis nun, por la efektivigo de tiun celo".*

## NI PROFITU LA OKAZON

Laŭ informoj de la gazetaro, laŭ propono de la sovetaj junularaj organizaĵoj en la somero de 1961 en Moskvo okazos Tutmonda Forumo de Junularo. La Forumo estas grandioza aranĝo, dum kiu oni pridiskutos la ĉefajn problemojn, kiuj interesas la junan generacion: la problemojn de la paco, por nacia sendependeco kaj por kontentigo de la politikaj, ekonomiaj kaj sociaj rajtoj de la junularo, la problemojn de la interrilatoj kaj kontaktoj inter la junularaj diverstendencaj organizaĵoj kaj ankaŭ multajn aliajn probemojn, starantajn antaŭ la nuntempa internacia junulara movado, antaŭ la plej vastaj tavoloj de la junularo en la diversaj landoj.

La Forumo estos larĝe malfermita por reprezentantoj de internaciaj kaj naciaj junularaj organizaĵoj de diversaj politikaj kaj religiaj tendencoj kaj ankaŭ por eminentaj sociaj kaj politikaj agantoj de la scienco, kulturo, ĵurnalismo ktp.

Jam okazis organiza kunveno de la Foruma Preparkomitato, kiun partoprenis reprezentantoj de 103 organizaĵoj el 60 landoj (la adreso de la Foruma Preparkomitato estas: USSR, Moskva, Kropotkina str. 10).

Estus tre bone, se ankaŭ la junaj TEĴA-anoj profitos la okazon renkontiĝi ĉi somere en Moskvo. En la kadroj de la Tutmonda Forumo oni povas organizi apartan fakkunsidon kaj renkonton de junaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Tie ili havos ankaŭ la eblecon propagandi Esperanton inter la junularo, renkontiĝi kun redakciaj kunlaborantoj, viziti presagentejojn, ĵurnalistajn domojn ktp., interesigi la junajn (kaj ne junajn) ĵurnalistojn sovetajn pri nia lingvo, afero kaj pri TEĴA.

Mi proponas, ke la dezirantoj partopreni la Forumon sin turnu al la komitatano de TEĴA s-no N. F. Danovskij, Moskva A-8, Pasečnaja 4 a, kv. 11, USSR, aŭ al la redakcio de „Int. Ĵurnalisto".

Ni ne preterlasu la okazon!

**M. J. — Pollando**

## Ricevitaj esperantaĵoj

„W e l t a u f R e i s e n" — priturisma, bone ilustrita, luksa revuo en germana lingvo. Ĉefredaktoro—membro de TEĴA—Dr. Hj. Unger, Postfach 333, Zürich 22, Svislando. En la n-ro XIII/3 1961 j. en la ĉefartikolo „La Internacia akademio de turismo" estas menciite pri la Internacia Lingvo Esperanto kaj ĝia utilo.

L a M o v a d o — japana Esperanto-gazeto, n-roj 1,2 kaj 3 1961, kun aldonitaj aparte 6-paĝoj kun notitaj japanaj kantoj.

H u n g a r a E s p e r a n t i s t o. n-roj 1,2 kaj 3. Komencis aperi stencilite la organo de la restarigita jam Hungara Esperanto—Asocio. Adreso: Budapest V., Petofi S. utca 17, Hungario.

N a t u r i s t a V i v o —bulteno de Internacia naturista fakgrupo esperantista, n-ro 1, unua jaro, aprilo 1961.

K o m e n t a r o d e V i n o b a B h a v e, 16-paĝa broŝureto. V. Bhave estas disĉiplo de M. K. Gandhi eminenta hindo, batalinta por la libero de sia popolo

## Manolis Glezos estu liberigita

En multaj landoj sonas fortega voĉo por liberigo de nia greka kolego Manolis Glezos. En Greklando la nombro de la homoj, subskribintaj specialan skribpeton, jam atingis 100,000. Ankaŭ en aliaj landoj plimultiĝas la subskriboj sub similaj skribpetoj. En Germanio oni kolektis 6,000,000 da subskriboj. La protest-kampanjo ne ĉesas ankaŭ en Italio kaj aliaj landoj.

Aparte tre energie insistas kaj postulas la liberigon de la fama greka ĵurnalisto ankaŭ ĵurnalistaj unuiĝoj en diversaj landoj. Ekzemple la Brazilla ĵurnalitta Federacio sendis leteron al la greka ambasadoro en Rio de Ĵanejro, per kiu postulas la liberigon de Glezos. La Japana kongreso de la ĵurnalistoj turnis sin al la greka reĝo per letero, en kiu, en la nomo de 200,000 membroj, esprimas maltrankvilecon pro la konstanta malboniĝo de la sanstato de la malliberigita ĵurnalisto Glezos. La Kongreso postulas tujan amnestion kaj liberigon de Glezos. La Cejlona ĵurnalista asocio ankaŭ sendis similan protestan leteron al la greka reĝo.

H. Ĉ.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*